# INTERNACIA

JARO XIX, sept.-dec.1980

N-ro 1-2



# ĴURNALISTO

Organo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

## UNESKO KAJ E-ĴURNALISMO

De kiam en 1964 UNESKO akceptis en Montevideo la faman rezolucion (N IV.I.4.422) pasis jam 26 jaroj. Do, fakte - arĝenta jubileo. Kiel konate ĝia lasta parto (N I.4.4224) tekstas jene: (la Ĝenerala Konferenco)... komisias la Ĝeneralan Direktoron sekvi la kurantan evoluon en la uzado de Esperanto en la Scienco, Edukado kaj Kulturo, kaj tiucele kunlabori kun Universala E-Asocio en la aferoj, koncernantaj ambaŭ organizaĵojn.

La historio de interrilatoj "UEA-UNESKO" kaj pli vaste „Esperanto-UNESKO" estas interesa, grava kaj instrua procedo en la moderna realo. Sendube ĝi plenmeritas iĝi objekto de respektiva esploro kaj finsekve sin prezenti en formo de kaptenhava libro aŭ almenaŭ broŝuro. Ĉiuokaze la dinamiko de kunproksimigo, pri kiu temas en la decido, komencante ekde sufiĉe drameca pozicio en 1954 kaj ĝis la nuna, povas esti bone ilustrita per du kinokadroj.

La Unua - misfama elpaŝo de la dokta filologo Blinkenberg kun lia orgojla proklamo pri allaseblo de E. maksimume por restoraciaj menukartoj, pri kio oni povas aserti laŭ la rusa proverbo: „Ne estus feliĉo, se ne helpus malfeliĉo". Do, sufiĉe tragedia kadro, en kiu la sorto de E-reprezento balanciĝis sur la ago „fiasko-triumfo". Kaj la Dua-la sublima prelego de la ĝenerala Direktoro - Amadu Mahtar M'Bou dum la 62 UK kaj lia komisio al UNESKO- reprezentanto (Zahariev) saluti kaj pertopreni la 63 UK en Varna.

Do, vere estas ĝuste kompren-ita kaj skrupule plenumita fare de la Ĝenerala Direktoro, direk-tivo, donita de la Montevidea Konferenco.

Sufiĉas nur pretera rigardo al la du kinokadroj por konsta-ti, ke la Ĝenerala direkto, se-kvita ambaŭflanke honeste, efek-tive kaj prospere, donis al am-baŭ organizaĵoj korespondan re-spekton. Kaj samtempe konkludi-ĝas grandega suprensalto de E-afero, altiĝo de ĝia digno, pre-stiĝo kaj aprezo ekzercata fare de universala socia opinio kaj socia praktiko de la nuntempa mondo.

Kiun konkludon el ĉio ĉi devas eltiri la E-ĵurnalismo? Evidente estas ĝuste ili, la E-ĵurnalistoj, kiuj estas eltrovontaj praktikajn kaj profesiajn vojojn por pliperfektigi la enhavon kaj altigi la nivelon de kunlaboro kun UNESKO en la skalo kaj tereno de E-gazetaro. Certe, estas atendotaj multaj iniciatoj, proponoj kaj sugestoj tiurilate. Mi volas montri unu el tiuj.

En la tuthomaran kultur-trezorejon enfluas kontribuoj de grandaj nacioj kaj malgrandaj popoletoj, eĉ de etnaj grupoj. Ĉiu el ili havas siajn estetikajn kanonojn, siajn grandverkojn kaj siajn talentojn. Kaj arta, etika kaj ĝenerale instrua valoro de verko tute ne dependas de l'grandeco de koncerna popolo.

Kaj UNESKO tiurilate spertas estimindan praktikon, indikante la geniulojn kaj iliajn verkojn sendepende de nacieco.

UNESKO akcelas reciprokan asimilon de kulturaj valoroj, venintaj el ajna nacio. Laŭ jam multaj decidoj de UNESKO estis indikitaj por universala aprezo kaj honorigo merituloj vice kun iliaj soci-kotizoj kontribuintaj al la komuna tuthomara trezorejo de Scienco-Arto-Kulturo por la bono de la ordinara homo.

Tiel en 1959 estis universale celebrata d-ro L.L.Zamenhof, en 1973 - Kopernik, en 1978 - Tolstoj kaj Tammsaare, en 1979 - Einstein. Multajn aliajn elstarajn personecojn memorigis kaj invitis celebri UNESKO. Estas

malfacile eĉ citi ilin ĉiujn mondfamajn kiel Kopernik, Tolstoj, Einstein kaj nur konataj en malvastaj rondoj de etaj popoloj, kiel ekzemple Tammsaare. Sed dank' al E. iliaj nomoj eksonis pli vaste. Estas rememorinde, ke en Estonio estis eldonita la romano „Mastro de Kobroja", kiu familiarigis la klasikulon de tiu popolo kun vasta leganta E-aŭditorio.

Jen do ĝuste estas unu el la agadkampoj por E-ĵurnalismo. Aktivado en ĝi samtempe akcelas iniciatojn de UNESKO kaj prezentos al ĉiu E-ĵurnalisto eblecon dislegigi en E-vesto la kulturajn trezorojn de sia nacia stoko. Iliaj tradukoj de respektivaj verkoj, biografiaj notoj, priskriboj kaj aliaj materialoj ĉiam estas avide legataj kaj demonstras la nesepareblan ligon inter naciaj kaj iliaj internaciaj transdonoj en E-formo.

Precipe por ĵurnalistoj estas interesaj ne okazintaj celebradoj, sed okazontaj. Ili tiam povas ĝustatempe partopreni kaj publikigi la koncernajn materialojn eble eĉ sinkrone kun la naciaj presorganoj. Tiel, ekzemple, post du jaroj laŭ UNESKO decido estas celebrataj du klasikuloj de belorusa beletro : Jakub Kolas kaj Janka Kupala. Ambaŭ havos siajn centjarajn jubileojn. Por konatigi al „IĴ"-legantojn kun ties verkoj, ni donas versaĵojn de Janka Kupala. Kaj biografiajn skizojn pri ili same kiel pli da verkoj de la ambaŭ ni atendas de belorusaj ĵurnalistoj kaj literatoroj.

N.Danovskij

## MIA AGADO POR ESPERANTO KAJ TEĴA EN EGIPTIO

Kiam oni reelektis min vicprezidanto de TEĴA (en Varna, 63 UK 1978) oni donis al mi taskon esti peranto de la vojaĝoj de TEĴA-membroj. Dum mia restado en mia hejmlando Egiptio mi parolis kun la ĉefo de la eksterlanda fako por ĵurnalistoj en Kairo, kiu diris al mi, ke la ŝtata fako estas preta akcepti fremdlandajn ĵurnalistojn kaj arangi por ili necesajn vizitprogramojn.

Kutime oni vizitas Egiption vintre kaj printempe (novembro - majo), kiam la vetero estas plej agrabla. Se iu kolego deziras viziti Egiption, bonvolu kontaktiĝi kun mi (adreso: d-ro Tadros Megalli, ĉe Ĵuzef Megalli, II, Heret Sayed Hasanen, Shubra, Kairo, Egiptio - Gaziret Nardan). Alitempe de la jaro mi estas en FR Germanio, D-8381 Rossbach, Untergrafendorf.

Dum mia restado en mia patrolando mi klopodis reorganizi la Esperanto-movadon, kiu delonge stagnas. Mi faris kelkajn prelegojn por civitanoj kaj junuloj, mi gvidis kurson ĉe YMKA (asocio de kristana junularo) kun 10 kursanoj. Ili baldaŭ formos esperantistan grupon, kernon por restarigo de la E-movado en Egiptio. Mi aperigis kelkajn priesperantajn artikolojn en diversaj gazetoj.

Tadros Megalli



## A L V O K O

## DE LA MONDA PARLAMENTO DE LA POPOLOJ POR PACO

La popoloj en la tuta mondo estas profunde maltrankviligitaj. La minaco de monda nuklea milito neniam ĝis nun estis sentata tiel akre.

La kresko de la nuklea armilaro kaj la stokado de arsenaloj de la morto atingis nekredeblan nivelon. La daŭrigo de tiu proceso starigas la homaron antaŭ la minaco esti neniigita.

„La nova nuklea strategio“ estas insida trompo por la popoloj; oni provas ilin konvinki, ke estas ebla limigita aŭ loka nuklea milito, sen transformiĝo en ĝeneralan nuklean katastrofon. Ni forĵetas kategorie tiun danĝeran kaj malhumanan doktrinon!

La popoloj en la tuta mondo, per abnegacia batalo, sukcesis malhelpi pli ol tri jardekojn la eksplodon de monda milito kaj faris tiom da klopodoj en la batalo por malarmado kaj sekuriĝo, ke ili ne volas estiĝi kunkulpuloj en tiuj projektoj. Ili insistas ĉesigi la kreskon de la armilaro, ĉesigi la tintadon de armiloj, ĉesigi la okazojn de agreso kaj milita ĉantaĝo, forigi la minacon de nuklea milito.

Ni apelacias al la racio kaj la sento pri respondeco de la politikaj kaj ŝtataj agantoj, kaj alvokas la registarojn:

Rifuzu la novajn programojn de armado! Ĉesigu la produktadon de ĉiuj specoj de armiloj por amasa detruado - raketnukleaj,neŭtronaj, ĥemiaj kaj ĉiuj aliaj! Reduktu la armilajn rezervojn! Malpermesu la nukleajn armilojn! Traktadon! Alternativo ne ekzistas!

Ni turnas nin al ĉiuj, al kiuj la paco estas kara:

Hodiaŭ ne sufiĉas esprimi maltrankviliĝon! Ne sufiĉas signali alarmon! La popoloj estas kapablaj defendi la pacon - kaj tio estas ties fundamenta rajto! Estas necese agi!

Ni haltigu tiujn, kiuj provas ĵeti la mondon en la abismon! Ni flankenlasu ĉion, kio dividas nin! Ni unuiĝu en la batalo por forigo de la minaco de nuklea milito.

Nia voĉo sonu kun eksterordinara forto!

(Aprobita de 2260 partoprenintoj en la Monda Parlamento de la Popoloj por Paco el 134 landoj kaj ĉ. 100 internaciaj organizaĵoj) 24.IX.1980 SOFIO

## LA MONDA PARLAMENTO DE LA POPOLOJ POR PACO – FORUMO DE LA GRANDAJ ESPEROJ

Fine de septembro 1980 la maltrankvilo de la homaro pri la vivo de nia planedo, super kiu ekpendis efektiva danĝero, venigis en Sofion, la ĉefurbo de Popola Respubliko Bulgario, la kreantojn de la paco el ĉiuj anguloj de la terglobo por kunsidi en la Unua Monda Parlamento de la Popoloj por Paco.

La Parlamento kunsidis kvin tagojn inter la 23-a kaj 27-a de septembro. Partoprenis 2260 delegitoj kaj gastoj el 134 landoj, reprezentantoj de diversaj amasaj organizaĵoj, de pli ol 330 politikaj partioj kaj movadoj kaj de 100 internaciaj registaraj kaj neregistaraj organizaĵoj; parlamentanoj, nunaj kaj eksaj ministroj, ĵurnalistoj, verkistoj, elstaraj figuroj de la kultiro kaj la scienco, eminentaj politikaj kaj sociaj agantoj, reprezentantoj de diversaj religiaj kultoj. Inter la delegitaroj estis ankaŭ kvinmembra delegitaro de la Mondpaca Esperantista Movado (MEM). TEJO sendis al la Parlamento sian observanton.

Pro la graveco de la problemoj, kiujn pridiskutis la Monda Parlamento de la Popoloj por Paco, pro la akceptitaj decidoj kaj dokumentoj, pro ĝia reprezenteco la Parlamento estis plenrajte karakterizita kiel „eksterordinara evento en la vivo de nia planedo".

La MPPP estis malfermita de la prezidanto de Bulgara Nacia Prepara Komitato Penĉo Kubadinski, prezidanto de Nacia Konsilantaro de Patrolanda Fronto. Proponinte de li la delegitoj elektis unuanime kiel prezidanton de la Parlamento la Prezidanton de la Monda Packonsilio Romesh Chandra.

Akceptita tre kore, per longdaŭraj aplaŭdoj, la Prezidanto de la Ŝtata Konsilio de PR Bulgario Todor Ĵivkov faris grandan paroladon.

Emocian paroladon faris Romesh Ĉhandra, kiu esprimis konvinkon, ke la Parlamento ellaboros efikan agadprogramon por prevento de nuklea milito. Emfazante la kreskon de la konkura-

do en la armado kaj la militan psikozon, li apelaciis al la popoloj ekstari kontraŭ „la nova nuklea strategio“, kontraŭ la dislokigo de novaj nukleaj armiloj en Okcidenta Eŭropo.

S-ro Muafak Alaf - speciala sendito de la ĝenerala Sekretario de UN Kurt Waldheim, voĉlegis mesaĝon de li al la Parlamento.

La Parlamenton salutis per mesaĝoj pli ol dudek ŝtatestroj kaj ĉefoj de registaroj.

Por ebligi al kiom eble pli granda nombro de delegitoj esprimi siajn starpunktojn pri diversaj demandoj, la diskutoj okazis en kelkaj niveloj: en plenkunsidoj, en tri forumoj, en naŭ komisionoj, ses laborgrupoj kaj sep „rondaj babloj“ kun partopreno de sindikataj agantoj, reprezentantoj de virinaj organizaĵoj, agantoj de la kulturo, edukado kaj scienco, ĵurnalistoj, religiaj agantoj, parlamentanoj, junuloj kaj studentoj. Tiu maniero de organizado de la laboro estis plia pruvo pri la larĝa demokrateco de la sofia renkontiĝo.

La temoj por diskutado en la tri forumoj estis la konkurado en la armado kaj la militdanĝero, ilia influo sur la batalo por malarmado kaj malstreĉiĝo, por nacia sendependeco kaj nova internacia ekonomia ordo, por socia progreso. Okazis ankaŭ informado pri malobservo de la homaj rajtoj kaj pri krimoj kontraŭ la homaro.

Malgraŭ la larĝa gamo de nuancoj de la pensoj, esprimitaj en la kunsidoj de la laboraj organoj, ili ĉiuj havis komunan ĉefkonkludon: „la popoloj devas unuigi siajn fortojn por rezisti al la militincitantoj“.

Grupo da partoprenantoj en la Parlamento, specialistoj pri militaj demandoj, prezentis sian memorandon pri Direktivo No. 59 de la usona prezidento Carter. Ili substrekis, ke la direktivo, proklamanta fidon al „limigita strategia milito“ abrupte pligrandigas la eblecon de reale nelimigebla nuklea konflikto kun ĉiuj ĝiaj katastrofaj postsekvoj.

En ĉiuflanka pridiskutado partoprenis centoj da delegitoj . Ĉiu forumo esprimis sian opinion en speciala rezolucio. En konciza formo ĉiuj taskoj estis formulitaj ankaŭ en du tre gra-

vaj dokumentoj - Alvoko kaj Ĉarto de la Monda Parlamento de la Popoloj por Paco.

La du fundamentaj dokumentoj de la monda forumo estas pasia alvoko al ĉiuj homoj kun bona volo aktivigi sian batalon por malstreĉiĝo, kontraŭ la planado, preparado kaj malbrido de milito, kontraŭ la armadkonkurado, por urĝa ratifiko kaj plenumo de la Kontrakto SALT- 2, por senprokrastaj interkontraktoj pri la mezdistanca nuklea armilo, por malfondo de ĉiuj militaliancoj, inkluzivante la samtempan malfondon de NATO kaj la Organizaĵo de la Varsovia Kontrakto, por likvido de ĉiuj fremlandaj militbazoj, por transformo de 1981 jaro en jaron de decida ofensivo fare de la fortoj de l'paco.

Kiel potenca akordo sonas la vortoj de la Ĉarto: „La milito ne estas neevitebla! La paco povas esti konservita kaj firmigita!"

Kortuŝa momento en la plenkunsido de la Parlamento en la lasta tago de ĝia laboro estis la vizito de infanoj reprezentantoj de 88 landoj el ĉiuj mondpartoj, kiuj kolektiĝis en Sofio por celebri la unuan datrevenon de la Internacia Infana Asembleo „Standardo de la Paco", okazinta en Sofio en 1979. Ili venis en la Parlamenton por renkontiĝi kun la patrinoj kaj la patroj, por esprimi la pensojn kaj la sentojn, la malĝojon, la maltrankvilon kaj la esperojn de 2 miliardoj da infanoj de la planedo. Suzane Kavan el Aŭstrio voĉlegis la Leteron-Alvokon de la infanoj-partoprenintoj en la Internacia Infana Asembleo „Standardo de la Paco" al la infanoj de la tuta mondo kaj pere de UNO al la tuta homaro.

Romesh Chandra akceptis kun emocio tiun ĉi rimarkindan mesaĝon de la infanoj kaj ĵuris je la nomo de la Monda Parlamento: „Ni kreos mondon, en kiu eĉ ne unu infano mortos pro malsato aŭ milito!".

150 fremdlandaj kaj ĉirkaŭ 350 bulgaraj ĵurnalistoj, akreditaj ĉe la gazetara centro, observis kaj spegulis la laboron de la Parlamento.

Dimitro Haĝiev - publicisto, delegito de la Parlamento.

Ĵurnalistiko kaj Paco

„RONDA TABLO" DE ĴURNALISTOJ

En la kadro de la Monda Parlamento de la Popoloj por Paco kolektiĝis ĉirkaŭ „ronda tablo" ĵurnalistoj de ĉiuj kontinentoj por pridiskuti problemojn de la informado, lige kun la monda movado de la adeptoj de paca kunvivado de ŝtatoj kun malsamaj sociaj sistemoj.

La kunsidon malfermis Veselin Josifov, prezidanto de la Unuiĝo de Bulgaraj Ĵurnalistoj kaj redaktoro de semajna gazeto „Antenoj". Li voĉlegis deklaron por estigo de Internacia Komitato por Defendo de la Ĵurnalistaj Rajtoj. Oni proponis kunvoki en Bulgario dum 1981 mondan forumon por pridiskuti konsekvencan protekton de la rajtoj kaj la vivinteresoj de ĵurnalistoj batalantaj por paco, demokratio kaj socia progreso.

La konversacion partoprenis ĵurnalistoj el Belgio, Grandbritio, Kubo, Hindio, Bulgario, Zimbabve, Mongolio, Sudafriko, Pollando kaj pluraj aliaj landoj. Oni evidentigis, ke la grandaj monopoloj direktas kaj manipulas la publikan opinion.



Ja nur ili havas eblecon eldoni gazetojn en milionaj eldonkvantoj, ankaŭ en iliaj manoj troviĝas la radiostacioj kaj la televizioj.

En pluraj landoj la civitanoj ne estas ĝuste informitaj. Eĉ kolegoj-ĵurnalistoj ne scias pri gravaj eventoj kaj pac-iniciativoj. En iuj landoj la publika opinio formiĝas sub la konstanta, persista, kontinua influo de trompa retrograda informado.

Pro tio la progresemaj ĵurnalistoj devas unuigi siajn klopodojn por disvastigo de la vero, por senmaskigo de la maĥinacioj fare de la reakciaj rondoj, por prava informado pri la pacbatalo, pri sincera strebado al malarmado kaj konservo de la paco.

Violin Oljanov

Ĉefredaktoro de revuo „Paco"

## LA 70-JARIĜO DE NIKOLA ALEKSIEV

La sofiaj esperantistoj celebris la 25-an de septembro 70-jaran jubileon de nia elstara esperantisto kaj ĵurnalisto Nikola Aleksiev. En speciala solena kunveno oni raportis pri lia multflanka personeco kaj lia aktiva laboro kiel sociaganto, ĵurnalisto kaj esperantisto. Aleksiev estis salutita de multaj reprezentantoj de E-estraroj kaj societoj, kaj specialan gratulleteron Aleksiev ricevis de la prezidanto de la Ŝtata Soveto Todor Ĵivkov okaze de lia 70-jariĝo kaj honorigo per la alta titolo „Heroo de la Socialisma Laboro" pro lia aktiva partopreno en la batalo kontraŭ la faŝismo kaj en la konstruado de socialismo.

La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" varme gratulis nian jubileulon kaj meritan kolegon kaj bondeziras al li firman sanon, feliĉan kaj longdaŭran aktivecon en nia nobla esperan-

## S P O R T O  K A J  P A C O

Pri la sportaj aranĝoj interesiĝas tute nature la sportistoj mem. Ili verve atendas kaj poste pasie pridiskutas la rezultojn de la sportludoj. Tamen la Olimpikaj Ludoj provokis neordinare grandan intereson ankaŭ inter plej vastaj publikaj rondoj de nesportistoj. Precipe ĉi jare ni estis atestantoj de eksterordinara intereso al la Olimpikaj Ludoj, kiuj okazis en Moskvo.

La ĉefa kaŭzo de tiu fenomeno estis la negativa rilato de iuj medioj al la organizado de la Olimpiko nome en Moskvo. Iuj politikaj rondoj enportis la politikon en la sporton, malgraŭ ke la sportaranĝoj servas al la sportaj idealoj de la sportema junularo el ŝtatoj kun diferencaj politikaj sistemoj.

La Olimpiko en Moskvo estis organizita konforme al la decidoj de la Internacia Olimpika Komitato, kiu sisteme kontrolis pri la plenumado de la formulitaj de ĝi devigaj postuloj pri normala organizado de la Olimpikaj Ludoj. Ĉe tiu severa kontrolado oni trovis nenian pretekston por esti malkontenta. Tute kontraŭe - la organizado de tiuj Olimpikaj Ludoj atingis altan nivelon, rekonitan de ĉiuj sportaj specialistoj kaj partoprenintoj.

La Internacia Olimpika Komitato kaj ĉiuj naciaj olimpikaj komitatoj longe kaj insiste petis, ke oni ne faru provon pri bojkoto. El tio nenio bona sekvos.

La sportatingaĵoj en Moskvo estis antaŭviditaj kiel tre altnivelaj - la bojkoto ne povus ŝanĝi tion. Sed ĝi grave povus malutili al la normala agado de la internacia sporta movado, kies ĉefa slogano havas paceman karakteron. Tio estas esprimata eĉ en la olimpika himno de la fondinto de l'moderna olimpika movado: „„Ho, sporto, vi es-

tas paco!“ La tuŝitaj de la bojkoto sportistoj brue esprimis sian malkontenton pri la bojkoto, ĉar ĝi forprenis al ili la eblecon manifesti siajn kvalitojn de elstaraj majstroj. Oni prave konstatis, ke tio estas senprecedenca piedpremado de la plej legitimaj rajtoj de la sportistoj, kiuj dum multaj jaroj strebis atingi tian nivelon, ke povu inde prezenti sian majstrecon kaj sian landon en la prestiĝaj olimpikaj ludoj.

Kaj jen la rezultoj.

La olimpikaj ludoj en Moskvo pasis emfaze altnivele. Ili notis en ĉiu sportdisciplino superajn atingaĵojn. La partoprenantoj kaj la milionaj gastoj el diversaj landoj (ankaŭ el tiuj, kiuj bojkotis la ludojn) ricevis neforgeseblajn impresojn. Oni nur povas bedaŭri, ke la publiko en tiuj landoj ne povis utiligi sian rajton ricevi riĉan kaj objektivan informadon pri la unika sporta kaj kultura programo de tiuj olimpikaj ludoj.

Niaj kolegoj-ĵurnalistoj el la gazetaro kaj televido pekis kontraŭ sian profesian devon prezenti objektivan kaj honestan informadon al la homoj, kiuj pagis la koston de la gazetaro kaj la starigitajn tarifojn por utiligo de radio-kaj televidaj aparatoj.

Tiamaniere malaltiĝas en la okuloj de la vasta publiko la aŭtoritato de la rimedoj por amasa informado.

Mi ĉeestis la Olimpiadon en Moskvo kaj havas proprajn impresojn. Mi neniam forgesos la pozitivajn emociojn, kiujn ricevis mi kun milionoj da ĉeestantoj el ĉiuj kvin kontinentoj.

Kiel ĵurnalisto mi estas ege kontenta, ke la organizantoj de la Olimpiado, frunte kun la Internacia Olimpika Komitato, restis fidelaj al justa afero de la monda paco, al kiu servas la internaciaj sportkonkuroj je ĉiuj niveloj, des pli je olimpika.

NIKOLA ALEKSIEV,

ĵurnalista veterano, kavaliro de la honordiplomo kaj medalo „Julius Fuĉik“ de la Internacia Organizaĵo de Ĵurnalistoj (JOĴ)

EL LA STOKHOLMA KONGRESA REZOLUCIO

„. . . . . . . . . . . . . . . . . notante, ke la celoj de Unuiĝintaj Nacioj, laŭ la Artikolo 1 de ĝia Ĉarto, inkluzivas realigon de interńacia kunlaborado „por solvi internaciajn problemojn de ekonomia, socia, kultura aŭ humaneca karaktero kaj por antaŭenigi kaj stimuli la respekton al homaj rajtoj kaj al fundamentaj liberecoj por ĉiuj sen distingo de raso, sekso, lingvo aŭ religio", kaj ke similaj principoj animas la Universalan Deklaracion de Homaj Rajtoj kaj postajn internaciajn homrajtajn aktojn; memorigante pri la agado de Unuiĝintaj Nacioj en la Jardeko de Luktado por Forigo de Ĉiuj Formoj de Rasismo kaj Rasa Diskriminacio, kaj pri la laboro de Universala Esperanto-Asocio en ties kadro, priskribita en la laborplano pri la Jardeko akceptita de la Asocio en 1974;

konstatas, ke

1. la problemo de diskriminacio surbaze de lingvo estas intime ligita al aliaj specoj de diskriminacio, kaj ke tiuj specoj de diskriminacio kutime havas siajn lingvajn dimensiojn;
2. tamen ankaŭ diskriminacio surbaze de lingvo estas klare distingebla kiel aparta problemo, kiu estas ofte konfuzata kun rasa/etna diskriminacio sed efektive havas siajn unikajn ecojn;
3. okazas lingva diskriminacio, se el du grupoj havantaj malsamajn proprajn lingvojn, la unua devas lerni kaj uzi lingvon de la dua, dum la dua ne bezonas lerni la lingvon de la unua;
4. lingve diskriminiciataj povas esti ne nur lingvaj minoritatoj interne de la ŝtatoj, sed en monda kadro ankaŭ sendependaj nacioj kaj ŝtatoj;
5. lingvan diskriminacion praktikas tiu, kiu uzas sian propran lingvon por ĉiuj kontaktoj kun alilingvanoj, tiel devigante ilin uzi tiun lingvon;
6. lingvan diskriminacion suferas tiu, kiu estas devigata de alia popolo uzi ties propran lingvon en difinitaj sferoj de la vivo (ekzemple en edukado, en la profesio, en internaciaj kontaktoj)

. . . . . . . . . . . . . . . .

a t e n t i g a s, ke en interna lingva politiko de internaciaj organizoj la utiligo de Esperanto prezentas nepre praktikan rimedon por forigi la diskriminacion surbaze de lingvo kaj por faciligi egalecajn kontaktojn inter la diversaj ŝtatoj-membroj;

a l v o k a s al la diversaj ŝtatoj kaj internaciaj organizoj, ke ili serioze kaj science esploru la atingojn kaj potencialon de la Internacia Lingvo Esperanto kiel rimedo de internacia komunikiĝo cele al realigo de la principoj de la Ĉarto de UN, la Universala Deklaracio de Homaj Rajtoj kaj aliaj internaciaj aktoj.

. . . . . . . . . . . . . . .

LEGEMA POPOLO EN NORVEGIO

La norvega popolo estas tre legema. Laŭ la statistiko la norvega gazetaro en 1979 havis pli grandan kreskon de eldonnombro kompare kun la pasintaj jaroj.

Kompare kun 1978 ĝia kresko estis 3,9%. La meza tutlanda eldonnombro de la gazetaro jam estas pli ol 2,200,000.

La ŝtata subvencio por la gazetaro varias de 15 milionoj ĝis 82 milionoj da kronoj. Entute 20 gazetoj estas subvenciataj per pli ol unu miliono da kronoj. En Norvegio aperas proksimume 160 gazetoj. Ol. Tor.

BONVOLU PAGI LA MEMBROKOTIZON

Gekolegoj, la Estraro petas tre ege ĉiujn vin: tuj sendu vian membrokotizon(1,5 dolaroj, 2 bulg. levoj aŭ la egalvaloron en via nacia mono) por la nuna 1980 jaro.

La monon sendu laŭ viaj ebloj al la prezidanto Thormodsen, aŭ al la vicprezidanto Esperov, aŭ al la sekretario-kasisto Dino Febris.

Pagu ankaŭ por 1978 j.

Iliaj adresoj estas sur p.21

* * * * * * * * * * * * * *

**Gekolegoj! Bonvolu sciigi al "Int.Ĵurnalisto" viajn ĝustajn adresojn. Varbu novajn membrojn kaj abonantojn**

## PRI LA DISKRIMINACIO

**- EL LA INAŬGURA PAROLADO DE D-RO JOHN C.WELLS EN STOKHOLM -**

. . . . . . . . . . . . . . . . .

Diskriminacio - jen temo aktuala. Laŭmoda vorto, laŭmoda koncepto, tamen malnova fenomeno. Certe ekzistis diskriminacio, kiel fakto, longe antaŭ ol kreiĝis la vorto "diskriminacio"

Kio ĝi estas? Jen unu el la demandoj, kiujn ni provos solvi en la daŭro de la nuna semajno. Skize kaj enkonduke, oni povas diri, ke diskriminacio estas <u>sisteme maljusta konduto kontraŭ iu difinita homgrupo.</u> DiskrimNacii kontraŭ iu socia grupo estas rifuzi al ĝi rajtojn egalajn al tiuj, kiujn ĝuas aliaj sociaj grupoj.

Se oni malpermesas al nigrulo uzi la saman aŭtobuson aŭ edukiĝi en la sama lernejo kiel blankulo. tio estas rasa diskriminacio. Se oni tiel arangas, ke la superaj postenoj en iu kompanio aŭ industria entrepreno estas okupataj de viroj, sed ke difinitaj malsuperaj postenoj estas okupataj de virinoj, aŭ pli draste: se oni traktas la virinojn socie ne kiel individuojn, sed kiel apartenaĵojn aŭ posedaĵojn de la viroj, tio estas kontraŭvirina diskriminacio. Se tiel okazas, ke la ŝtatanoj de iuj landoj estas prosperaj, havas sufiĉon por manĝi, havas loĝejon, vivas en (relativa) lukso, dum la anoj de aliaj ŝtatoj malprosperas, malsatas, loĝas mizere, ne konas lukson, tio estas rezulto de internacia ekonomia diskriminacio.

Ekzistas ankaŭ multaj aliaj specoj de diskriminacio.

---

LA REDAKCIO DE „INTERNACIA ĴURNALISTO" ATENDAS VIAJN KONTRIBUAĴOJN, KARAJ TEĴANOJ, NE PROKRASTU! LA REDAKCIO BEZONAS ĈIUSPECAĴN MATERIALOJN-ĴURNALISTAJN ARTIKOLOJN, ESEOJN, RAKONTOJN, VERSAĴOJN, HUMURAĴOJN, KARIKATUROJN ktp. SPECIALE NI TURNAS NIN POR PLI AKTIVA KUNLABORADO AL LA KOLEGOJ EL OKCIDENTAJ KAJ ALIAJ LANDOJ.

## KUNSIDO DE LA ESTRARO DE TEĴA

En la kadro de 64-a UK en Lucerno ne estis enprogramita ĵurnalista kunveno. Tial okazis nur kunsido de estraranoj. Partoprenis: la prezidanto de TEĴA s-ro Olav Thormodsen el Norvegio, s-ro Tadros Megalli el Egiptio (vivanta nun en GFR), la redaktoro en „Internacia Ĵurnalisto" (organo de TEĴA) Minko Conkovski kaj Nikola Aleksiev, merita bulgara ĵurnalisto - honora prezidanto de MEM. (En Stokholmo tamen kunsido ne okazis)

La partoprenintoj interŝanĝis opiniojn lige kun la antaŭstarantaj taskoj de TEĴA surbaze de la rezolucio de ĝia lasta fakkunveno en Varna kongreso. Ili venis al jenaj konkludoj:

1) La decidoj de Varna daŭre restas validaj kaj oni laboru pri ties realigo.
2) Estas necese fiksi la nombron de la efektivaj membroj, ĉar el 300 membroj ne ĉiuj pagis sian membrokotizon.
3) La membrokotizo estu pagata nur al la adresoj de la estraranoj Thormodsen, Fabris kaj Keremidĉiev (vidu ilian adresojn sur p.21) kaj, se necese, al aliaj teĵanoj, difinitaj de TEĴA-estraro.
4. Necesa estas dissendo de speciala cirkulero al la membroj pri la urĝa ordigo de la membrokotizpago.
5) La redakcio de „Internacia Ĵurnalisto" aranĝu interŝanĝon de nacilingvaj gazetoj.

De dekstre maldekstren: O.Thormodsen, N.Aleksiev, T.Megalli kaj M.Conkovski



KORO DE POEZIO
(Fablo)

Poeton kritikis skribisto
Kun arda kaj akra sever',
Kopiis damaĝojn sur listo
Pri ĉiu traŭmita liter'.

Skribistoj respektas perfekte
Memdignon de ĉiu streket',
Ĉu kline skribita, ĉu rekte,..
Por multaj ĝi estas sekret'!

"Poet' ne distingas naive
Gravecon laŭ ĉi-supre de l'
Statuto, sen kiu senviva
Fariĝas versaĵo pelmel'.

En kio ja kor' poezia?
Litera nur danco kaj lud'.
Kaj plu absolute nenio!"
Skribista sigelis konklud'...

Poet' ekridetas kompate
Al la inkanima kritik',
Kaj hastis al nove verkata
Versaĵo - linloga lirik'.

La kancelarian seĝulon
Emigi al fajnoj de art' -
Samsencas variol-inokulon
Al fost' telegrafa sur strat'.

N. Danovskij

TRA LA E-GAZETARO

„BULETIN" de Hispana E-Federacio. Sub titolo „La virino en defendo de la paco, en defendo de la vivo" s-ano F.Olivan interalie skribas:

„Mi estas konvinkita, ke la simpla fakto esti esperantisto ne aljuĝas al ni la titolon pacbatalanto kaj konscia samtempe la celo de d-ro Zamenhof akiros veran efikon nur en paco kaj la frateco de la popoloj.

Al la paco kaj al la milito neniu povas resti neŭtrala, eĉ se li deziras tion sincere. Per pasiva kondamno de la milito oni ne povas haltigi la militinstigantojn. Nenio estas granda ofero en la batalo por la paco. Pli bone aktiva en la pacbatalo, ol pasiva en la atomenergio!"

(„BOLETIN" n-ro 233 - 234)

IVAN KEREMIDĈIEV-ESPEROV 70-JARAĜA

En la fino de proksima decembro la konata bulgara ĵurnalisto , unu el la longjaraj gvidantoj de TEĴA, ĉefredaktoro de „Internacia Ĵurnalisto" atingos la aĝon de 70 jaroj. Laborkapabla kaj aktiva persono, li daŭre partoprenas la landan kaj internacian esperanto-movadon, zorgante pli speciale pri

## INTERNACIAJ ĴURNALISTAJ RIPOZDOMOJ



Kun la helpo de Internacia Ĵurnalista Organizo kaj la aktiva laboro de Bulgara Ĵurnalista Asocio en daŭro de dek monatoj oni konstruis la unuan ripozdomon.

Ĝin oni inaŭguris en julio 1959. Apud tiu domo oni konstruis alian domon, pli altan kaj komfortan. Ambaŭ domoj estas sur la bela, pitoreska marbordo apud Varna, Bulgario.

Centoj da ĵurnalistoj ĉiujare venas el la tuta mondo ripozi kaj amuziĝi. Okaze de la 20-a jubileo de tiu ĉarma ĵurnalista ripozejo IĴO eldonis riĉe ilustritan 48-paĝan grandformatan prospekton kun tre interesaj materialoj pri la Nigramara bordo, pri la domoj mem, rememoroj kaj aliaj materialoj de elstaraj bulgaraj, ĉeĥoslovakaj, pollandaj, sovetuniaj, vjetnamaj k. a. ĵurnalistoj.

## AL LA MALNOVAJ REPREZENTANTOJ DE TEĴA

En la sistemo de nia TEĴA-gvidantaro tre utilan organizan rolon en la pasinteco ludis niaj reprezentantoj en apartaj landoj de la mondo, kie ekzistis kelkaj regulaj membroj de nia asocio. La estraro de TEĴA petas siajn malnovajn reprezentantojn ree okupi siajn postenojn helpe al la estraro. Estus bone se ili tuj informos la estraron kaj la redakcion de „I.Ĵ." pri sia konsento helpi nin. La afero estas serioza, ni esperas, ke vi volonte proponos sin mem, informante nin pri tio kaj pri [illegible] Anticipan dankon al la volontuloj!

JARKUNVENO DE LA SEKCIO DE LA ĴURNALISTOJ-ESPERANTISTOJ

ĈE BULGARA ESPERANTISTA ASOCIO

La 13-an de julio 1980 en la kadro de la 40-a jubilea kongreso de bulgaraj esperantistoj en Plovdiv okazis la jarkunveno de la Ĵurnalista sekcio ĉe BEA. La kunveno estis gvidata de Ivan Keremidĉiev-Esperov, vicprezidanto de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio kaj ĉefredaktoro de „Internacia Ĵurnalisto". Li informis, ke la organiza stato de la sekcio ne esta bona, kaj speciale ĝi ekstagnis dum la unujara neapero de la organo de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio. Li parolis ankaŭ pri iuj ne bonaj kondiĉoj en la redaktado kaj aperado de „Int.Ĵurnalisto". Estas necesa pli favora rilato al la aperigo de la organo kaj pli proksima helpo al ĝia redakcio.

En la diskutado partoprenis pluraj kolegoj. La elstara bulgara ĵurnalisto Nikola Aleksiev apogis la eldiron de Esperov kaj tuŝis la demandon pri asekuro de monrimedoj por regula aperigo de nia organo kaj pri plifortigo de la redakta komitato de „I.Ĵ."

Necesa estas - substrekis li - regula helpo al la ĉefredaktoro. La bulgaraj kaj speciale la sofiaj ĵurnalistoj subtenis materiale la aperigon de la organo, sed oni devas regule kolekti la abonkotizojn (membrokotizojn).

La prezidanto de BEA Hristo Gorov diris, ke la CE prizorgos la problemon pri la helpo en la eldonado de „I.Ĵ.". Tiurilate oni devas turni sin al la Asocio de Bulgaraj Ĵurnalistoj.

Pri la samaj demandoj kaj problemoj parolis ankaŭ Petar Vlasev el Karlovo, Dimo Truduljubov el Jambol, N.Nikolov el Sofio kaj aliaj kolegoj.

Post la diskútoj estis elektita estraro de la sekcio: Nikola Aleksiev, Ivan Esperov, Haim Levi, ing. Pavel Elenov kaj Dimo Truduljubov. Kiel ĉefredaktoro de „I.Ĵ“ restas Ivan Esperov kun kunredaktoroj Nikola Aleksiev kaj Krâstju Karucin.

Fine la ĉefredaktoro dankis al la ĉeestantoj pro ilia favora rilato al la ĵurnalista sekcio ĉe BEA kaj al TEĴA kaj pro ilia preteco apogi en la laboro la redaktorojn de „Internacia Ĵurnalisto“. La ĉeestantoj kun ĝojo renkontis la sciigon de la ĉefredaktoro Esperov, ke n-ro 1-2 (duobla) 1980 de la organo aperos en decembro j.k.

Dimo Truduljubov

La rajto de komunikado - laŭ la artikolo 19 de la Deklaracio de Homaj Rajtoj:

„Ĉiu havas rajton je libereco de opinio kaj esprimado; ĉi tiu rajto inkluzivas la liberecon havi opiniojn sen interveno de aliaj, kaj la rajton peti, ricevi kaj havigi informojn kaj ideojn per kiu ajn rimedo kaj senkonsidere pri la landlimoj.“

Al niaj membroj kaj abonantoj

Pro nedependaj de la redakcio de „IĴ“ kaŭzoj la revuo ne povis aperi regule. Ni petas pardonon. Nun la kondiĉoj pliboniĝis kaj nia organo ree komencas aperadi regule.

Deziras kunlaboradi

La kolegino (verkistino kaj ĵurnalistino, B-membro-neprofesia) Gizela Fekeĉ, 35 jara, kunlaboras al la redakcio de „Lumturo“ - speciala teknika-scienca magazino miniatura. Ŝi koektas informojn, sciigojn ktp. por „Lumturo“ kaj reciproke sendas similajn materialojn. Krome, s-ino Fekeĉ laboras aktive en la kadro de IPAK (Informa-Propaganda Agad-Komitato) de UFU (Universala Faka Unuiĝo).

Bv. afranki viajn leterojn al ŝi per belaj p.m. Adreso: Gizella Fekeĉ, 1115 Budapest, Sarbogardi ut. 19, Hungario.

## GAZETOJ KAJ LIBROJ PRI ĴURNALISTIKO

„Unuiĝo de la plumo, mikrofono kaj telekamero" kaj „Televido kaj spektanto" de B. Helemendik.

Tiuj libroj estas eldonitaj de „Misal" (Penso).

Interesa estas ankaŭ la libro de Kiril Neŝev „Problemoj de la ĵurnalista etiko".

En dua eldono aperis la libro de Dimitâr Georgiev „Reĝisorado de la gazeto", kompletigita.

Profesia kodo de la ĵurnalisto

Negranda libreto, tuŝanta gravajn momentojn de la ĵurnalista laboro kaj konduto. Temas pri kodigo de la fundamentaj etikaj principoj, gvidantaj la ĵurnalistojn en ilia profesia laboro.

La libreton redaktis la finna ĵurnalisto Lars Bruun. Broŝurita, 127 paĝoj, en angla lingvo.

---

La redakcio de „Int.Ĵurnalisto" petas la kunlaborantojn de nia organo skribi siajn materialojn nur sur unu paĝo de la folio kaj ilustri ilin, se necese per fotoj, bildoj k.a.

„Rimedoj de komunikado kaj klasbatalo" - redaktata de Armand Matetelart kaj Set Sigellaub. La redaktoroj kolektis 120 materialojn pri la teorio kaj praktiko de progresemaj aŭtoroj, aperintaj en pli ol 50 landoj dum la XIX-a jarcento ĝis nun. Tiu libro estas la unua volumo de la duvoluma verko, eldonita de la Internacia Esplor-Scienca Centro pri la problemoj de la amasa informado.

Nova Ĵurnalista bulteno

La Sciencesplora centro pri Ĵurnalistiko ĉe Bulgara Ĵurnalista Asocio dum 1980 aperigas bultenon „Problemoj de la nuntempa Ĵurnalistiko". Per 6 broŝuroj la bulteno informas la ĵurnalistojn, la kulturagantojn kaj la studentojn pri ĵurnalistika scienca penso kaj ĝia enlanda kaj eksterlanda praktiko.

„Majstreco de Ĵurnalisto" - kolektiva monografio de sovetaj esploristoj. Ĝi tuŝas la problemojn pri la ideaj kaj metodologiaj bazoj de la ĵurnalista verko.

ESTRARO DE TEĴA

Prezidanto - Olav Thormodsen, box 59, 5501 Haugesund, Norvegio

Vicprezidantoj - Ivan Keremidĉiev-Esperov, kv.„Borovo“ bl.219 B, 1680 Sofia, Bulgario. (Li estas ankaŭ ĉefredaktoro de „Internacia Ĵurnalisto“.

- Tadros Megalli, D-8381 Rossbach, Untergrafendorf, F.R. Germanio.

- Nikolaj Danovskij, 226014 Riga 14, ul.„Ostrovskogo“ 4-4 A, Sovetunio.

- Ĝenerala sekretario kaj kasisto

- Dino Febris, Borgo Rossano 5, Cittadella,(Padova), Italio.

Membro-estraranoj: s-ino Anna Brennan, Niewe Binenweg 176,UEA, NL-3015,BJ Rotterdam, Nederlando.

-A.W.Thomson, Anglio (adreso ne kompleta).

- Donĉo Hitrov, 1000 Sofia, ul. „Han Asparuh 61, Bulgario.

Novaj membroj de TEĴA

- Elmar Ratassepp, 202500 Valga Komsomoli 3 - 1, USSR, Estona SSR

- S-ino Gizella Fekeĉ (B-membro) 1115 Budapest, Sarbogardi ut. 19, Hungario.

- Gabor Koloszar, Mosonmagyarovar, Mora Ferenc lakotelep A/10 9200 Hungario.

- Robert Castelo (B-membro) C.Alziuaret 2, Andorra la Vella (vells d, andorra, Pirineoj), Andorra.

- S-ino Julia Tonkin, 35 Violet Lane, Lansdowne PA 19050 ,USA.

- Jocza Tiberio, redaktor, Redakcio „Megyoi Tukor“ R-4000 Sfintu Gheorghe, Str. Presei OR 8/A, Rumanio.

N i a p o ŝ t o

- Anna Brennan. UEA,Roterdam, La redakcio de „I.Ĵ.“ ree petas kaj ripetas: ni atendas de Vi la bultenojn de la Gazetara Servo de UEA kaj materialon pri la laboro de la Gazetara Servo, pri la ĵurnalista kunlaborado al kaj per la Gazetara Servo.

- J.Ojalo, Tallinn, USSR. - La poŝtaĵo ricevita. Dankon.

- O.Knichal - Budapeŝto. - Ni aperigas vian budapeŝtan adreson en la nuna n-ro de „IĴ“

- Robert Kastello, Andora. Ni ripetas nian peton: bonvolu sendi al ni 2-3 fotojn, bildojn pri via lando. Via materialo devas esti ilustrita.

- S-ro Manuel Romero Gomes - Zaragosa, Hispanio, - Via p. k. ricevita. Ni plenumos vian peton.

- Elmar Ratassep, Valga, Estona SSR, Gabor Koloszar, Mosonmagyarovar, Hungario. Viaj petoj ankaŭ estas plenumitaj. Viaj adresoj estas enskribitaj en la membroliston de TEĴA, kaj vi ricevados „Internacian Ĵurnaliston“.

S c i g o

Ĉar nia kolego Al.Ĥarkovskij (Moskva,USSR), ne havas eblecon esti estrarano de TEĴA, ni petas ĉiujn niajn membrojn en USSR, estonte kaj provizore pri ĉio, kio koncernas nian asocion kaj „Internacia Ĵurnalisto"n, turni sin al la vicprezidanto de TEĴA Nikolaj F.Danovskij (vidu lian adreson sur p. )

Krome ni petas la moskvajn teĵonojn elekti kiel reprezentanton de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio kolegon moskvanon, kiu provizore respondecos kaj zorgos pri niaj aferoj en USSR.

K o r e k t o - En la versaĵo de Ar. Elksne en la 7-a verso (I kol.) estas preterlasita eraro. La vorto estas devas esti eblas. Kaj en la versaĵo de I.Ziedonis - la 9-a verso (I kol.) devas esti tiel: Kiel maťena sunkares'. La versaĵoj aperis en n-ro 1/79 de „I.Ĵ." sur paĝoj 10 kaj 11. Ni petas pardonon de la aŭtoroj kaj de la tradukinto N.D. N-ro 1 aperis en foresto de la ĉefredaktoro.

Nia kolego O.Knihal en Budapesto

Kun plezuro ni ekscios, ke nia ĉeĥoslovaka kolego kaj aktivulo de TEĴA - O.Knihal havas novan oficpostenon. Li jam estas konstanta korespondanto de ĉeĥoslovakaj sindikataj gazetoj en Budapesto. Ni gratulas lin kaj atendas liajn kontribuaĵojn por „I.Ĵ." Lia nova adreso: O. Knihal, Budaörs, Nefelejos u.1/1 (Engelbrecht I. cim.) H-20. HUNGARIO.

~~~~~~~~~~~

Laŭ la malnova statuto de TEĴA membro de Tutmonda esperantista Ĵurnalista Asocio povas esti ĉiu ĵurnalisto, korespondanto, publicisto, tradukisto, redaktoro. Se estas profesia ĵurnalisto laŭstatute li estas A - membro, se ne estas, se nur kunlaboras ne profesie, li estas B -membro. Ĉiu, kiu pagis sian membrokotizon rajtas ricevi nian organon "Int. ĵ-sto".
~~~~~~~~~~~

RICEVITAJ E-ELDONAĴOJ

- Ŝercoj, rakontoj de Andersen, Baghi, Benedek, Boti, Delj, Dorosmal, Joszef, Kalacsay, Kavalec, Matute, Nemcova, Pumpr, Rosbach, Stillman, Szathmari, Szilagyi, Ueyama, Yanogita kaj Zetterström. Paĝoj 106, malgranda formato. Eldonita en Budapesto.

- Lirika prozo de A.Lopez Leind, p. 50. Eldonis Amigos de C. L, Buenos Aires, Argentino.

- Lumo de Orienta Eŭropo - poemo de Vl.Beekman. El estona tradukis Hilda Dresen, Jaan Ojalo kaj Hillar Saha, Eldonis „Eesti Raamat“, Tallinn, 1978, p. 48.

- Okupacio - de Erni Krusten, romaneto, kiu ricevis jaran premion de la Estona SSR por 1969, p. 84. El estona Hillar Saha.

- Esperantonimoj - de Marinko Ĝivoje. Presita en Milano 1973.

---

**Adreso de "I.J."**

**Ĉefredaktoro:** Ivan Keremidĉiev-Esperov, 1680 Sofia

Kv.„Borovo“,bl.219-B, BULGARIO,tel. 56-58-77.

Redaktoroj: Nikola Aleksiev kaj Krâstju Karucin